Año XIII N.° 3 (127) MAYO-JUNIO 1961

Boletin

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# La XXIIª Kongreso en Palma



*Nia XXII.ª Kongreso estis brila. Ĝi estis vere internacia kunveno, kaj la etoso estis eksterordinare vigla kaj neforgesebla. Ĉiuj partoprenintoj, ŝatos, sendube, legi ĝian recenzon.*

# RAPORTO DE LA LABORPERIODO INTER LA XXI^A KAJ XXII^A KONGRESOJ

Ĉi tiu laborperiodo kvankam pli mallonga ol kutime, pro la antaŭenigo de la datoj de nia nunjara kongreso, havas intereson, ĉar ĝi estis tre fruktodona por la hispana E-movado.

La Pontevedra kongreso liveris gravajn kaj esperigajn decidojn, el kiuj ni rimarku tiun pri la readaptiĝo de la regularo, kun la ĉefa celo simpligi, ĝis preskaŭ nuligi, la demarŝojn por starigado de E-grupoj. Ni esperas ke tia novaĵo pliobligos la nombron de grupoj, ĉar estas multaj lokoj kie la malgranda nombro de esperantistoj ne permesis ĝis nun ekentrepreni la taskon por starigo de societo, kaŭze de la multaj necesaj formalaĵoj.

Alia rimarkebla fakto estas la rompo de la indiferenteco de la grupoj rilate al la Federacio; tio, malgraŭ ke ne ĉiuj grupoj respondis kiel decas, estas bona simptomo inter ni, kiuj, multfoje, preferas la izolecan agadon ol la komunan. Certe, tiu ekkunlaborado, kvankam modesta, laŭ ekonomia vidpunkto, estos granda morala helpo por la Federacio.

Ĝenerale la marŝo de nia movado progresas, ne tiel rapide kiel ni preferus, sed konstante. Por konstati tion, sufiĉas rigardo al la ĝenerala gazetaro de la lando, al la partopreno de altrangaj personoj en niaj agoj kaj kunvenoj, kaj al la kreskanta nombro de lernantoj de nia idiomo.

La diversaj fakoj en kiuj estas dividita la laboro de la Federacio disvolgiĝis laŭ la sekvantajn resumoj.

## SEKRETARIO

La laboro en la sekretariejo disvolviĝis kun la samaj malfacilaĵoj kiujn ni jam menciis en aliaj okazoj. La novaj membroj kaj grupoj, kaj aliaj kaŭzoj, pliigis la laboron; dume, malkreskis la enspezita sumo por pagi al la helpanto, kaj la sekretario estis devigata sin okupi nur pri *Boletín*. Malgraŭ ĉio, la laboro estis plenumata sen grande malkontentigaj funkciadoj, dank'al la bona volo de nia helpanto-sekretario, S-ro Collado, kaj al la altvaloraj helpoj de la Prezidanto kaj Kasisto.

**A. P. S.**

## BULTENO

La provizora kaj deviga solvo, por redakti la Bultenon, adoptata je komenco de la pasinta jaro, devis esti definitive akceptata post la ĉagreniga forpaso de la antaŭa redaktoro, S-ro Hernández. Certe, ni ĉiuj pensis ke li, post senlaciĝa periodo, reprenus denove la direktadon de *Boletín*. Nun, la sekretario zorgas pri la Bulteno, pro kio li devis forlasi sian laboron en la sekretariejo. Bonvolaj samideanoj, dun la mardaj HEF-kunvenoj, korektas la presotan originalon kaj, poste, la presprovaĵojn, ofte plurfoje. Tio, kio kelkfoje prokrastas la aperon de iu numero de *Boletín*, ne evitas la enŝoviĝon de eraroj, precipe kiam la kompostado estas farita linotipe, ĉar tiam, unu litero misuzita devigas tutlinian rekompostadon, kun novaj eraroj, foje.

Mankas altkvalitaj artikoloj, multfoje, kaj, aliflanke, ni devas ne publikigi aliajn, kaŭze de troa longeco. La redaktoro estus feliĉa se ĉiuj kiuj vere kapablas skribi korekte, per si mem aŭ kun la helpo de aliaj, sendus interesajn artikoletojn kies longeco estus malpli longa ol la enhavo de unu paĝo.

Ĝenerala deziro, kiun apogas la Estraro, estas plioftigi la aperon de nia Bulteno, sed, kiel dirite, tio dependas pli de la tempo kiun la zorgantoj povas dediĉi al ĝi, ol de la mono bezonata. Eble tio efektiviĝos se tiuj artikoletoj, supre menciitaj, alvenus al la redakcio.

**A. P. S.**

## KASO

La komparo de la ciferoj de 1960 kun tiuj de la antaŭa jaro, povas konstatigi ke ni enspezis 10.364 ptojn. pli kiel kotizoj, sed 8.832 malpli kiel donacoj. Kompreneble, tio signifas ke ni havas pli da membroj, sed ĉar la Zamenhof-jaro finiĝis, la donacoj malgrandiĝis.

La unuan fojon post eble 10 jarojn, ni enspezis monon de Libroservo, tio signifas ke ni laboris, unue, por kreskigi la stokon de libroj mendeblaj, sed poste, la profitoj ne estas por privata entrepreno, sed por nia propra Federacio, same kiel okazas en aliaj landoj kaj en U. E. A.

En la elspezoj ni povas observi la altiĝon de la preskosto de *Boletin,* sed ni presigas pli da ekzempleroj kaj la pli bona papero de la koverto kaj gravuraĵoj estas pli multekostaj ol normale.

Lastaj sciigoj el Pontevedra estas ankoraŭ esperigaj pri la financrezulto de la kontoj de tiu kongreso, sed, ĉar ĝis nun ne estas antaŭvidataj eksterordinaraj elspezoj por la kuranta jaro, ni fidas ke ĉiuokaze la budĝeto havos normalan superaviton, dum 1961.

E. G.

## HISPANA ESPERANTO JUNULARA SEKCIO

Dum la periodo Julio 1960-Junio 1961 atingis nia sekcio plenan sukceson; nome: plialtiĝis la nombroj de niaj membroj, entute, 102; oni orde eldonis, ĉiudumonate, nian propran bultenon, kaj organizis, komence de la jaro 1960, fakan ekskurson.

Ankaŭ okazis samtempe la luado de nia sidejo en Barcelona, kie okazis, tre sukcese, baloj, kunvenoj kaj esperanta instruado.

Tamen, ekzistas malbona flanko; ĝi estas la jena; ĝis nun la plej granda parto de la aliĝitaj junuloj estas el la Barcelona provinco; kial ne aliĝis tiuj de aliaj provincoj?

Ni bonvole petas al ĉiuj HEF-anoj ke ili pripensu atente alian aferon tiu estas: Se viaj gefiloj aliĝus al ni, la sukceso ankoraŭ estus pli definitiva.

Atendante senpacience vian helpon, ni indikas niajn kotizojn: infanoj ĝis 15-jaroj 30 pesetojn jare; junuloj 60 pesetojn, jare.

La du kotizoj rajtas aliĝi samtempe al la Federacio; tamen nur tiu de 60 pesetoj ratjas ricevi la HEF-bultenon.

Sendu viajn petojn al S-ro S. Aragay, Str. Arce n.° 8-2-4.ª, Cornellá.

S. ARAGAY

## KURSOJ PER KORESPONDADO

Dum la lasta lerneja periodo nia agado daŭris normale kaj preskaŭ 100 novaj gelernantoj aliĝis al nia Kurso. Al 19 lernintoj ni sendis la koncernan Diplomon.

Ni publikigis diversajn reklamojn en la hispana gazetaro kaj ankaŭ rekte ni sendis kelkajn centojn de varbfolioj. Konsultojn pri esperanto, ni respondis multajn.

Tra nia multjara agado, ni konstatis ke la plej efika propagando por varbi gelernantojn, estas tiu farita de la esperantistoj mem. Pro tio, ni ege petas al la membroj de HEF, ke ili diskonigu niajn kursojn ĉie.

R. M.

## LIBROSERVO

Dum la pasinta jaro kaj ĉefe pro la iom pli granda propagando en nia nacia gazetaro, kreskis intereso en multaj personoj, kiuj, post la unuaj informoj pri nia afero tuj mendis siajn lernolibrojn. Tial do, nia Libroservo distribuis tra la tuta lando pli da gramatikoj ol en kelkaj pasintaj jaroj.

Ni klopodis unue rapide servi la komencantojn, kaj, pro tio, kelkaj jam konataj amikoj devis atendi kun iom da prokrasto siajn mendojn. Ili devas esti indulgaj kaj pensi ke nia tempo ne sufiĉas por ĉio.

J. P. S.

---

## ANONCETOJ

Esperantistino deziras korespondi kun gesamideanoj el la tuta mondo. Adreso: Remei Martinez, strato Teniente Monzonis, A-4.ª, Castellón (España).

# BRILA, EKSTERORDINARA KONGRESO ESTIS LA XXII.ª, EN PALMA DE MAJORKO

*Kiam la Estraro de Hispana Esperanto-Federacio decidis organizi la venontan kongreson en Palma, celante la kupligon kun la fino de la XIII.ª kongreso de I. F. E. F., ni jam sciis ke multaj hispanaj samideanoj ne povus ĉeesti, pro la troa frueco de la dato, ekster la feriaj eblecoj; sed, ni antaŭpensis ke ĝi devus esti plensukcesa, pro la vere internacia karaktero de la kongresanaro. Krome, la tuta neebleco por efektivigi bonan ĉeestadon, dumsomere, pro la tiama turisma lavango, decidis nin akcepti majon kiel taŭgan tempon por nia ĉiujara kunveno. Tiel estis, do, kaj, feliĉe, niaj aŭguroj pruvis esti pravaj; la kongreso estis neforgesinda.*

*Kvankam el la tricent dudek ok eksterlandaj samideanoj aliĝintaj, ne ĉiuj, fakte, partoprenis la kongreson, ili estis pli ol duoble la nombro de enlandaj, kaj tio donis al la kongreso vere internacian karakteron. Neniam, ĝis nun, kaj eble, neniam plu, nacia kongreso estis tiel internacia! Ni estis antaŭpensintaj ke la etoso, en la kongreso, havus tian mirindan aspekton, sed, malgraŭ tia preparîĝo, ni estis profunde mirigitaj de la spirito de sennacia kamaradeco, de la vera zamenhofa rondfamilieco kiu regis dum la tuta daŭro de la aranĝo!*

*Ĉiam, kiam okazas nacia kongreso, ni zorgas por ke la eksterlandaj vizitantoj aperu kiel elstaraj kongresanoj, ĉar, antaŭ la ĝenerala publiko kaj aŭtoritatuloj, ili pravigas kaj pruvas la utilon kaj logikon de nia idealo kaj de nia tuta agado. Tial, en la kongreso de Palma, ni estis plenservitaj en niaj celoj kaj deziroj, kaj, konsiderante ke, ĝenerale, plejparto de hispanaj samideanoj tute ne povas ĉeesti internacian kongreson, la okazo estis, vere, unika, ĉar, tiel kiel oni diris dumkongrese: «ni havas internacian kongreson kontraŭ prezo de simple nacia!».*

*Ĝi ne perdis, tamen, tiujn ŝatindajn aspektojn de niaj naciaj kunvenoj, tiel karaj al nia koro!*

*LA ALVENO. — Ĉu aviadile, ĉu ŝipe, la kongresanaro alvenis diversdate, sed, ĉiam, bone akceptata de lokaj aŭ frualvenintaj samidanoj, kiuj bone servis la loĝigan taskon kaj kondukis la kongresanojn en la akceptejon, kiu bone funkciis, dum la tuta daŭro de la kongreso, ne nur kiel oficiala kunvenejo, sed, ankaŭ, kiel ripozejo kaj babilejo; unuvorte: kiel hejmo de la kongresanaro. Tion ni ŝuldas al la aranĝo de la L. K. K. kaj al la afableco de Sr-o Rabassa, Sekretario de «Luliaj Studoj».*

*Tiel la flugintoj kiel la ŝipveturintoj alvenis kun plena sato de mirindaj pejzaĝoj. Tio kion ili ĵus vidis: la bluan maron, la sovaĝajn tranĉitajn marbordojn, kaj, ankaŭ, la ĝuindajn strandojn kaj la pentrindan havenon de Palma, estis pli ol promeso, vera realo, kiu antaŭpensigis pri agrabla kaj kontentiga restado.*

*Fakte, la aceptejo estis kiel la nesto de la kongresanaro kaj, en ĝi, ĉu malnovaj, ĉu novaj amikoj, povis disvolvi, en taŭga medio, la ŝtofon de sia amikeco.*

*DIMANĈO, 14.ª de Majo, estis la unua tago de la kongreso, kies komenco estis la celebrado de la Meso en la bela baziliko de Sankta Francisko. Pastro Casanovas, nia amata kaplano, estis la oficanto; bedaŭrinde, pro samtempa celebrado de kantata meso, li ne povis prediki, kiel anoncite. Ĉe la foriro, antaŭ la portalo, la kongresanoj amasiĝis por ebligi la ĝeneralan fotadon, kiu—tion ni eksciis pli poste—fiaskis; sed, la trafa fotaĵo de sam-o Alsina, el Barcelono, konservis, por ni ĉiuj, tiun memorindan momenton.*

*Poste, en longa kaj babilema procesio, la kongresanaro trairis la mallarĝajn, elvoki-*

*gajn kaj tipajn stratetojn de l'malnova kvartalo, flankigitajn de tipaj portaloj kaj kortoj, kun stilaj putoj kaj bele skulptitaj peronoj, bele florumitaj.*

*Alveninte en la belan barokstilan Urbodomon, ĉiuj supreniris la ŝtuparon kaj eniris la belan salonegon, kie ili estis akceptataj de ĉefskabeno Sr-o Frau, kiu anstataŭis la Urbestron, devigata esti ekster Palma pro oficialaj devoj. La Prezidanto de a Komitato, Sr-o Arbona, salutis la skabenon kaj la kongresanojn, klarigante la efektivigitajn demarŝojn ĝis la celebrado de la Malfermo, kaj aŭgurante sukceson por la kongreso. La Prezidanto de H. E. F., Dr-o Herrero, salutis ĉiujn kaj sin turnante al la eksterlandanoj li rimarkigis ke ili estis, en la kongreso, honoraj gastoj, ĉar ili, pro la nombro kaj la kvalito, donis eksterordinaran karakteron al la ĉijara kunveno; «Kiel premio—li diris—vi havos la ĝuadon de niaj belaj panoramoj, de niaj belaj strandoj, de niaj montaroj kaj parfumitaj valoj».*

*Fine, ĉefskabeno Sr-o Frau salutis kaj bonvenis la kongresanaron, de kies laboro li esperis antaŭenigon par la paciga lingva ideo. Li deklaris solene la malfermon de la kongreso, kaj ĉiuj aplaŭdis lin fervore.*

*La kongresanaro, de tie, iris al la apuda salonego de la Diputitejo, kie okazis la fakta malfermo de la kongreso. Alparolis Sr-o Arbona, Dr-o Herrero, kaj la reprezentantoj de diversaj landoj k j hispanaj grupoj; ĉiuj emociiĝis pro la kortuŝaj vortoj de Pastro Casanovas, rememorante la figuron de Ludoviko Hernández, nia kongresa vigliginto. Per bela parolado, sam-o De Jong, Prezidanto de la I. F. E. F., dankis la hispanan samideanaron pro la varma akcepto kaj trafa kongresarango, kiu donis al ĉiuj plezurplenajn tagojn en Barcelona kaj Tarragona.*

*La Malfermo finis, ĉiuj iris en siajn restadejojn kaj, dumvespere, svarmo de verdsteluloj iris en la apudajn strandojn kaj amuzejojn, ĝis kiam steloj kaj lumŝildoj brilis kaj lumigis la nekompareblan rodon de Palma, kie cento da ŝipoj kaj boatoj helpis por kompletigi la feinan bildon.*

*Dume, la lokaj komitatanoj kaj estroj de la diversaj grupoj. kiuj konsistigas la F deracion, jam estis planintaj la pritraktendajn aferojn, por ke ĉio disvolviĝu bone um la laborkunsidoj. Ne ĉio estis amuzaĵo por ili!*

*LUNDO, 15.ª de Majo. — Je la naŭa matene, ĉiuj koncentriĝis sur la placo Sankta Francisko, kie tuta eskadro de modernaj aŭtobusoj atendis ilin por efektivigi la unuan ekskurson. Akurate, ili startis kaj, laŭlonge de la orienta marbordo de la rodo de Palma, oni povis konstati la modernigon kaj urbigon de la bela, senfina strando, kie, ĉiutage, novaj hoteloj, amuzejoj kaj vilaoj, proponas agrablan restadon al la multenombraj turistoj kiuj, dum la tuta jaro, venas al Palma por rilati, paradize, kun la suno kaj la blua maro.*

*Post ĝuiga trairo de balzamodora pinarbaro oni atingis, fine, la celon de la veturado: Cala Blava (pr. «kala blava» = blua rodeto), prekaŭ fermo de la orienta parto de la golfo de Palma, de kie, sur milda klifaro, oni havas plenpanoraman rigardon al la malproksima urbo, kastelo de Bellver kaj ĉiuj apudurbaj marbordo kaj fona montaro.*

*Tie oni matenmanĝis, trinkis refreŝigaĵojn kaj, multaj, baniĝis, ĉu ĉemare, ĉu basene. Kaj ĉiuj, senescepte, babilis, babiladis, densigis amiksentojn kaj plektis ligaĵojn de rondfamilieco.*

*Revene, oni trairis la saman vojon, sed, ĉar restis ankoraŭ unu horo por la hispana tagmanĝtempo (ho! kia sperto por eksterlandanoj!), la tuta aŭtobusaro preterlasis la urbon kaj trairis la okcidentan marbordon de Palma, la plej luksan, ĝuigan kaj surprizigan. Kaj de tie, oni povis vidi, en la malproksimon, la lokon de kie oni ĵus alvenis!*

*Vole nevole, ni devis rememori, tiam, la belajn versojn de Costa y Llobera, la granda majorka poeto, majstre esperantigitaj de J. Grau Casas.*

"Sur la rubando de blanka sablo
kiun kisadas la akvo-blu',
grandaj pinarboj verŝas abunde
balzamodoron, serenan ombron,
kun milda bru'....
Ho, dolĉa loko de trankvila ĝu'!".



**De Kala Blava, bela panoramo sur la tuta golfeto de Palma**

*Posttagmeze, la UNUA LABORKUNSIDO kunigis eksterordinaran nombron de kongresanoj en la renesancstila kongresejo.*

*Dr-o Herrero malfermis ĝin kaj, per kortuŝaj frazoj, kiuj korpremis ĉiujn, li elvokis la figuron de forpasinta Ludoviko Hernández, kies penojn, oferojn kaj meritojn neniu hispana samideano forgesos. Dum minuta silento, Pastro Casanovas murmuris elkoran preĝeton, kaj ĉiuj, kortuŝitaj, mezuris, pliafoje, la gravan perdon kiun ni suferis, pro la ĉagrenoplena malapero de nia kara Hernández.*

*Sr-o Arbona, Prezidanto de L. K. K., salutas la ĉeestantojn kaj sam-o Jaquotot proponas, por la regado de la laborkunsidoj, sam-on Dalmau, por la prezidanteco, kaj sam-on Molera, por la sekretarieco. Unuanime oni akceptis tiun proponon kaj la elektitoj, post sincera kaj densa aplaŭdado, supreniris la podion kaj salutis la kongresanaron.*

*Sam-o Guillem, kasisto de H. E. F., informas pri la financa stato de la Federacio kaj rimarkigas ke, dum la lasta periodo aliĝis 100 novaj membroj.*

*Dr-o Herrero, nome de la sekretario, kiu ne povis veni al la kongreso, informas pri la agado de Libroservo kaj pri la redaktado de «Boletín».*

*Sam-o Arbona informas pri la agado de Baleara Esperanto-Asocio.*

*Sam-o Dr-o Santos Arranz, el Madrido, pri la revigligo de la Madrida Esperanto-Klubo kaj la esperigaj penoj de la ĉefurba esperantistaro.*

*La kongresanaro varme aplaŭdis Dr-on Santos Arranz.*

*Antaŭ la fermo de la kunsido oni decidis sendi telegramsaluton al la Ŝtatestro, al la Urbestro de Pontevedra—loko de nia antaŭa kongreso—, kaj al la Prezidanto de «Círculo Mercantil», en Málaga, kiu bonege patronis la XX.ⁿ kongreson.*

*Laŭ propono de Sr-oj Solá, el Tarrasa, kaj Vilá, el Barcelono, oni ankaŭ decidis sendi saluton al la fama violonisto Johano Manén, kiu, lastatempe, publikigis sur «La Vanguardia», de Barcelono, belajn artikolojn pri Esperanto.*

*Post tio, la Prezidanto fermis la unuan laborkunsidon kaj la kongresanoj foriris en la koridorojn por iomete babili antaŭ la komenciĝo de la PRELEGO DE D-ro SOLÁ «LA HOMOJ kaj la TEKNIKO».*

*Por tiuj kiuj jam aŭdis prelegojn de «nia» Dr-o Solá, tiu prelego devis esti plua juvelo aldonita al la serio de belaj oratoraĵoj al kiuj*

*li kutimiĝis nin. Por la nova aŭdantaro, ĉefe por eksterlandanoj, ĝi estis nur promeso; sed dum la disvolviĝo de la prelego, ni konstatadis la ŝanĝojn ĉe la vizaĝoj de la aŭdantaro: surprizo, miro, ravo kaj, fine, entuziasmo. Tiu estis la efiko de la bela prelego de nia elstara samideano, kiun ni resumas.*

*«La difino de la homo, precipe, estas la kapableco konstrui instrumentojn, per kiuj plifortigi kaj lertigi la manojn. En tio kuŝas, ankaŭ, la difino de la tekniko.*

*La tekniko estas, ĉiam, la plej efika kaŭzo de la sociaj kaj politikaj ŝanĝoj en la komuna vivo de la homoj.»*

*Li priskribas, rapide, la gravajn ŝanĝojn de la tekniko en la homa historio: la ŝtonoj, metaloj, fajro, rado, vento kaj akvo, petrolo kaj karbo, uzo de bestoj, semo de plantoj...*

*«Dum longaj periodoj de la historio, la tekniko malmulte progresis; sed, subite, en la fino de la XIX.ª jarcento, okazis stranga ŝanĝo, preskaŭ tiel grava kiel en la plej gloraj grekaj tempoj.»*

*Laŭ aserto de la preleganto, kiam li naskiĝis ekzistis, kiel teknikaĵoj, nur la vapormaŝino kaj la telegrafo.*

*Ĉion alian li vidis aperi sur la tero: elektran lampon, telefonon, aŭtomobilon, radiotelegrafon, radiodissendon, gramofonon, skribmaŝinon, kinematografon, televidon, aeroplanon, zeppelinon, elektran motoron, teksomaŝinojn, medikamentojn, malaperon de epidemioj, dividon de la atomo kaj esploradon de la spaco.*

*La kialo de tiu grava ŝanĝo estas la efika observado de la naturo de ĝiaj procesoj.*

*La tekniko infiluas en la vivo de la homoj, tiel ke oni devas ŝanĝi maŝinojn antaŭ ol ili estas kadukaj.*

*La progreso en la tekniko de la transporto kondukos al la unuigo de nia eŭropa konninento; baldaŭ, la lingva diverseco estos la sola baro al la politika kuniĝo.*

*La tekniko progresos plue kaj, eĉ, pli rapide. Ĉu por la bono aŭ por la malbono? Ekzistas optimistaj kaj pesimistaj respondoj; inter aliaj, li citas la diron de Maeterlinck, la fama belga verkisto: «Ĉar ĉio estas ebla, ni imagu nian estontecon kiel brilan, fantazian kaj beleganl».*

*La preleganto rikoltis meritltan, densan kaj longan aplaŭdadon, kaj ĉiuj, foririnte, komentarii: tre plaĉe la ŝatindan prelegon de Dr-o Solá.*

*MARDO, la 16.ª de Majo.—Pro pliboniĝo de la programo, la ekskurso al Formentor estis prokrastata, kaj la kongresanaro iris al Manacor kaj al la famkonataj grotoj en la tiea najbaraĵo. Alveninte en la suprecititan urbeton, multaj butikumis kaj aĉetis rememoraĵojn. kaj, ĉefe, kolringojn el artefaritaj perloj ĉar tia estas la ĉefa, loka industrio. Post tiu mallonga halto oni daŭrigis ĝis alveno al Porto Kristo, la pentrinda haveneto, kie multaj fotis ĉu la panoramon, ĉu la tipajn enloĝantojn. Sub forta suno oni amasiĝis por viziti la famajn grotojn Drach (drako), kaj, dekomence, oni povis taksi la valoron de tiuj grotoj, kie disvolviĝas, antaŭ la mirigitaj rigardoj, sinsekvo de stalaktitaj brodaĵoj, de kapricaj desegnaĵoj, feinaj arbaroj, kaj kombine kun la subteraj filtradoj, mirindaj kanaletoj, gapigaj lagetoj kaj, tie kaj tie, kvazaŭ statuoj, kapeletoj kaj, eĉ, katedraloj! Fine, oni alvenis al la lago Martel, kie, helpe de lerta artefarita lumigado, oni povis admiri la majeston de la loko, vera mirindaĵo, ĉefverko de la Naturo. Tie, ĉiuj sidis ĉe la ampleksa amfiteatro, kaj, post estingo de la lumo, kaj de profunda silentiĝo, komencis la Koncerto. El la plej malproksima parto, eksonis bela muziko, kaj, poste, aperis lumigita barketo, sur kiu, muzikistoj interpretis klasikajn, romantikajn pecojn. Aliaj barketoj aperis, kaj, dum duonhoro, ĉiuj estis ravitaj de la magia efekto de la muziko en tiu nekomparebla loko. Tial, kiam, malantaŭ impona rokego, malaperis la lasta barketo, kaj estingiĝis la lastaj notoj de la serenado de «Sinjoro Joakimo», ĉiuj aplaŭdis entuziasmigitaj, kaj, ankoraŭ en plena mallumo, la strofoj de «La Espero», eble unuafoje en profunda subtera medio, plenigis la gorĝojn de la esperantistaro, kaj la stalaktitoj tremis pro la vibrado de la aero kaj, ankaŭ, pro tiu de la koroj!*

*Foririnte, la tuta kongresanaro tagmanĝis en apudmara restoracio, kaj, sur la vizaĝoj,*



**La Kongresanoj tre ofte ripozis ce strandoj.**—(Foto Alsina)

*oni povis konstati la miron, pro la ĵusvdita naturbelaĵo, kaj la kontentigon, pro la samideana simpatia medio.*

*Post komuna kaftrinkado antaŭ la pentrinda panoramo, oni forlasis la belan haveneton kaj oni enveturiĝis por viziti la grotojn Hams, kie, pliafoje, oni povis admiri la kapricajn kombinaĵojn de la Naturo, elstarigigitajn de lerta lumigado. Tiuj grotoj, laŭ aserto de samideano, vizitinta famajn alilandajn grotojn, estas sendispute, nekompareblaj.*

*Tial, ĉiuj revenis en Palma kun miro kaj kun neforgeseblaj rememoroj.*

*Alveninte en la kongresejo, kelkaj kuraĝaj gesamideanoj submetiĝis al rigora ekzamenado por atingi la esperantan kapablecon; ĉiuj sukcesis, kaj ni ĝojas publikante iliajn nomojn; ili estis: María Vich, Guillermo Miralles, Francisca Devis, Mariano Jaquotot, Gabriel Vidal, Jaime A.º Salvá, Mario Pascual, José Rofes, Rafael Marqués. Ni gratulas kaj incitas ilin al la persisto por atingi la instruistan kapablon, por la plej brila disvastigo de nia lingvo.*

*MERKREDO, la 19.ª de Majo.—Formentor, la bela orienta golfo de la insulo, estis la celo de la tiutaga ekskurso. La tuta longeco de Majorko estis trapasata de la karavano, kiu ĝuis per la rigardado al la senfinaj migdalarbaroj, kaj al la tipaj ventmueliloj, kiuj konsistigas la ĉefan trajton de la tiea kamparo. Alveninte en la belan golfon de Pollensa, ĉiuj enŝipetiĝis por veturi, marvoje, al la najbara golfeto Formentor.*

*La gajularo kantis, petolis kaj fotis senĉese la preterlasitajn marbordojn, barketojn kaj, eĉ, maraviadilojn, kiuj, kaprice, akompanis la «skadron», kaj almariĝis apud la mara ekspedicio.*

*Turninte—preskaŭ frotinte—la lumturon, aperis la bela rodo el Formentor, paradiza restadejo, reĝa plezurloko, kie, post elŝipetiĝo, ĉiuj disiĝis; kelkaj, por sunumiĝi ĉe la bela strando; aliaj, por grimpi sur la krutajn apudajn vojetojn, kaj ne malmultaj por ĝui la banadon en la bluaj mediteraneaj akvoj, dum, ne tre malprokime, akvoplanis—kaj, foje, akvo... falis—belaj kaj kuraĝaj sportistinoj. La reiro al Pollensa efektiviĝis aŭtobu-*



**Pollensa estas preterlasata de ŝipetaro.**

*se, kaj, post trairo, de bela, densa arbaro, oni atingis vidpunkton sur sovaĝa marborda klifaro, nomata «Es Colomer» (kolombejo); de oportuna belvedero multaj fotis tiun eksterordinaran pejzaĝon.*

*Post rapida, kapturniga malsupreniro, oni revenis al Pollensa; en havena restoracio oni repreris forton, konatiĝis kun la ŝatindaj lokaj vinbersukoj kaj, postmanĝe, oni sidis apud la kajoj, rigardante la multkolorajn boatetojn kaj ŝipetojn, lulitajn de milda ondaro.*

*La alvoko de la gvidantoj fortiris ĉiujn de tia «Kapua plezuro», kaj la aŭtobusoj, denove, forprenis ĉiujn. Survoje al Palma oni haltis ĉe vilaĝeto, fama pro la ikvoraĵoj, kaj surprize, ĉiuj estis invitataj trinki senpage, laŭelekte, de la multenombra kranaro kiun proponis alloga muro. Densa svarmo de veturantoj rapidis al la pokaloj, al la kranoj, al la lipoj, kaj ree,.. Dum la cetero de la veturado, kompreneble, la etoso estis mirinde gaja kaj optimisma! En tiu agrabla stato oni alvenis al Palma kaj, post trairo de tipa urboparto oni atingis malnovan palacon, kie, honore de la kongresanaro, oni prezentis folkloran feston. Kantoj kaj dancoj sin sekvis, kaj kreskanta entuziasmo regis ĉiujn; la gekantistoj kaj gedancistoj kolektis merititan aplaŭdadon.*

*Sed, tiutage, ankaŭ la seriozaj aferoj havis siajn disvolviĝojn, kaj la Prelego de Prof. D. Dalmau promesis al ĉiuj veran priesperantan ĝuon. Tiel estis, kaj, nia akademiano disvolvis majstre la temon; «Natureco de Esperanto». Li komencis klarigante kiel jam de la infaneco' li kutimiĝis al genromontraj literoj kaj al tiuj nombromontraj. Jen, do, kiel relativa estas la koncepto pri natureco de lingvoj, kaj, kiel diris la filozofo Balmes: «Se ekzistus natura lingvo, ĝi estus universala, tuthomara; por sama afero ne dirus malsamajn nomojn la malsamaj nacianoj». Vera natura lingvo estas nur la senkonscia de la homaro: spontaneaj krioj, ploroj, ridoj; tiel universalaj kiel la lingvo de hundoj aŭ aliaj bestoj.*

*Homaj konsciaj lingvoj estas artefaritaj, kaj plej multe kontribuis al tia kreado la respektivaj artistoj: sennomaj popolanoj, ĉefaj oratoroj kaj verkistoj.»*

*La preleganto kaptis, dekomence, la atenton de ĉiuj, per sia majstra stilo, vere akademia, kaj, kiam li finis, la tuta aŭdantaro pensis esti ankoraŭ ĉe la komenco; tiel estis la ĝenerala plaĉo!*

*La kongresanaro havis kroman regalon per la oratora interveno de la lernejestro Jo-*



**Ekskursantoj al Soller gaje salutas de la vagonaro.**

*zefo MRAZ, el Linz. Li estas, vere, elstara oratoro kaj eksterordinara deklamanto; dum tro mallongaj minutoj li ĉarmis ĉiujn per sia lirika alvoko al la ĉefaj celoj de nia idearo; fininte, li devis akcepti la gratulesprimojn de la entuziasmigita aŭdantaro.*

*Poste, la antverpena samideanino, Sn-o LECAT, ĝojigis ĉiujn per siaj humorplenaj kaj komikaj konsideroj pri banalaĵoj el la ĉiutaga vivo, pruvante, tiel, ke Esperanto estas, ankaŭ, taŭga por ne seriozaj aferoj.*

*Kaj tiel, finiĝis la kvara kongresa tago.*

*JAŬDO, la 18.ª de Majo.—La kongresanaro, jam, bedaŭrinde, malpliigita de la foriro de multaj eksterlandanoj, ekskursis, vagonare, al Soller, la bela norda urbo de Majorko, kies preskaŭ cirkla haveno estas vere pentrinda. De kiam la vagonaro malgrimpis, de la supro de la alta cirko kiu ĉirkaŭas la urbeton, ĉiuj miris pro la senfinaj panoramoj. Alveninte en la belan urbeton kaj, poste, en la havenkvartalon, ĉiuj disiĝis por vagadi en la belajn ĉirkaŭaĵojn kaj, kelkaj, pli kuraĝaj, grimpis sur krutan altaĵon, de kie ili povis admiri belan maran kaj montaran panoramon, sub la lerta gvidado de sam-o Arbona, la kongresprezidanto, kiu estas naskiĝinta en Soller.*

*Reveninte en Palma, posttagmeze, efektiviĝis la DUA LABORKUNSIDO.*

*Sam-o Dalmau malfermas la kunsidon.*

*Dr-o Herrero legas la novan regularon de la Federacio. Post presigo ĝi estos disdonata al ĉiuj federacianoj.*

*Laŭ propono de Dr-o Herrero oni petas al Profesoro Sancho Izquierdo, eks-Rektoro de la Universitato de Zaragozo, kiu sidas inter la kongresanoj, ke li supreniru la podion; li estas tre aplaŭdata, ĉefe pro siaj penoj por kuraĝigi la proponon de UEA al Nobel-premio por la paco.*

*Sr-o Arbona prezentas proponon de la Baleara Esperanto-Asocio al la Urbestro de Palma por ke oni nomigu straton aŭ placon per la nomo de Dr-o Zamenhof. Unuanime, oni aprobis ĝin.*

*Ankaŭ Sr-o Arbona proponas ke oni restarigu la funkciadon de la KUNORDIGA SERVO. Post studado de la afero oni decidis ke la madrida grupo, sub la zorgoj de sam-o F. Enfedaque, prizorgu tiun gravan fakon.*

*Nome de la Esperanto-Grupo FIDO kaj ESPERO, el Valladolid, sam-o F. Medayo salutis la kongreson kaj invitis ĉiujn por ĉeesti la venontan kongreson, dum Julio 1962*

Nia pravo estas nia forto.

Ni multe esperas de la junularo kaj ni devas peni por ke ĝi venu al ni; tial, denaskaj esperantistoj estas la eksponento de nia espero.





La kisinda Lisa Helmuth ektranĉas la kukegon·

*Proponon kaj inviton oni akceptis kaj premiis per longa aplaŭdado.*

*Dr-o Herrero proponas ke oni, refoje, prezentu al la Ministerioj por Nacia Edukado, kaj Informado kaj Turismo, la petojn kiuj konsistigas la 3an kaj la 4an konkludojn de la kongreso.*

*Sam-o Bohigas proponas ke oni gratulu Dr-on Santos Arranz pro liaj sukcesplenaj penoj por restarigi la agadon de la madrida grupo. Tion oni akceptas kaj aplaŭdas dense kaj longe Dr-on Arranz, kiu, emociplene, dankas.*

*Post redaktado de la subaj konkludoj, sam-o Dalmau fermas la duan laborkunsidon.*

*VENDREDO, la 19.ª de Majo.—Alvenis la lasta kongresa tago. La leĝo kiu regas ĉiujn aferojn en nia mondo, ne povis indulgi nin.*

*La belaj, ĝuplenaj tagoj, dum kiuj plektiĝis tiom da kamaradecaj ligaĵoj, finiĝontas...*

De la ferdeko, antaŭ la centoj de adiaŭantoj, la kongresintoj rigardas, lastfoje, la belan urbon kaj la mirindajn panoramojn, kiuj, dumkongrese, ĝojigis nin. La ŝipo startas; koroj malgajiĝas!







Ho, ve! La kongreso, vere, finiĝis!

*Lastfoje, la kongresanoj aliras la kongresejon. Sam-o Arbona dankas ĉiujn pro la helpo kaj pro la brilo kiujn ili donis al la kongreso. Dr-o Herrero reliefigas la gravecon de la estingiĝanta kongreso, kiu, pro la fakto de la multenombreco de eksterlandanoj, fariĝis vera internacia kongreso. La urbo de Raimundo Lulio—la granda baleara filozofo, kiu antaŭpensis la efektivigon de internacia lingvo—meritis la celebradon de la kongreso, kiu, ankaŭ, estas la omaĝo al la memoro de tiuj meritoplenaj palmanoj kiuj, sub la gvidado de sam-o Bofill, organizis la lastan kongreson, en la jaro 1925. Tiam, sam-oj Jaquotot kaj Arbona laboris kiel aktivaj helpantoj. Dum multaj jaroj ili penis por ke la lumo de Esperanto ne estingiĝu en Majorko kaj, nun, ili povas fieri pri la rezulto de la peno. Dankon kaj honoron al ili!*

*La Prezidanto de H. E. F. finis invitante ĉiujn al la venonta kongreso en Valladolid kaj, antaŭ disiĝo, ĉiuj kantis fervore «La Espero-n».*

*Sed, kiel ribelo antaŭ la tuta fino de la kongreso, efektiviĝis la oficiala bankedo en «Círculo Mallorquín», la plej grava klubo en Palma.*

*En la bela manĝosalono sidis multaj kongresanoj, kiuj, ĝis la lasta momento, deziris plilongigi la kongresan etoson. La plej emocia momento estis tiu kiam, Lisa, la bela infanino de ges-oj. Helmuth, el San-Diego (Usono), tranĉis la kukegon, kies supro estis bela verda kvinpinta stelo. Ĉe la fino, nia granda poeto Francisko Vilá deklamis belan poeziaĵon kiun ni transkribas entute, ĉar ĝi estas la plej taŭga fermilo de nia neforgesebla 22.ª Hispana Kongreso de Esperanto.*

## AL LA KARAJ KONGRESANOJ DE LA DUDEK DUA

Ne diru adiaŭ! Ĝi estas tristvorto.
Ni diru revidon, kun plej sankta forto!
Antaŭen ni iru, per paŝo konstanta
kaj montru la stelon de lingvo vivanta!

Eu Turo Babela ni vivi ne volas;
tro multe da lingvoj la homoj parolas!

Al Majstra doktrino ni restu fidele,
por ke ne plu l'mondo militu kruele.

Por paco kaj amo de ĉiu popolo
ni donu ekzemplon de plej firma volo.

Por sankta idealo, anstataŭ almozi,
ni devas konvinki, ĝis plu ne ripozi.

Alvenos kompreno en nova aŭroro,
de frato al frato, de koro al koro.

Ni ĉiam laboru, por cel'harmonia
kaj: supren l'animoj! L'estont' estas nia!

F. VILÁ

*Kaj tiel finiĝis la XXII.ª! Ŝipoj kaj aviadiloj forportis niajn korpojn, dise, en diversajn naciojn. Sed la kongresa spirito estas nedisigebla! Fore, en la Nordo, malproksime, en la Pacifiko, koroj rememoros ke:*

... Paradiza, la klimato;
fantazi', la panoramo.
Jen la kial' de nio ŝato
por kunven' de pac' kaj amo...

*Ĝi estis, vere, kunveno de paco kaj amo!*

SUNIDO

## KONKLUDOJ APROBITAJ DUM LA XXIIª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

1.ª Peti al la Urbestraro de Palma la nomigon de strato aŭ placo per la nomo de Dr-o Zamenhof.

2.ª Ke la madrida grupo prizorgu la KUNORDIGAN SERVON.

3.ª Peti al la Ministerio por Nacia Edukado ke oni enkonduku oficiale Esperanton en la Porinstruistajn lernejojn.

4.ª Sugesti al la Ministerio por Informado kaj Turismo la eldonadon de broŝuro en Esperanto.

5.ª Akcepti Valladolid kiel kongresurbon por 1962.

## INFORMOFICEJO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

Ĉiuj Esperanto-grupoj kaj esperantistoj izoluloj kiuj laboras en urboj kie ne ekzistas grupoj, estas petataj sendi al ni ĉiajn informojn pri sia esperantista laboro. La celo de ĉi tiu oficejo estas kolekti ĉiajn utilajn materialojn por nia statistiko kaj informo al UEA.

Adreso: Salvador Aragay, Arce, 8, 2.°, 4.ª, Cornellá (Barcelona).

## NI FUNEBRAS...

En Manresa, kie li multe disvastigis nian lingvan ideon, forpasis nia samideano Angel LLOBET CALVET, tre konata pro liaj vigleco kaj sindonemo. Tre speciale li penis por sukcesigi la disvolvigon de IKUE, kies peranto li estis dumlonge. Al lia fratino, tieaj samideanoj kaj al LINGVA KLUBO, kies vera motoro li estis, ni sendas la esprimon de nia ĉagreno.

En Tarrasa malaperis, pasintan Aŭguston, nia samideano Valentín ALAVEDRA, je aĝo de 76 jarojn. Li multe penis por Esperanto, verkis, publikis kaj partoprenis la tradukadon de «Kataluna Antologio». Li prezidis, tre kompetente, la laborojn de la XII.ª Hispana Kongreso de Esperanto. Tre estimata en la industriaj medioj de Tarrasa, pro liaj personaj kvalitoj, li estis, ankaŭ, elstare konsiderata en niaj samideanaj medioj. Ni sendas al lia familio kaj al la tarrasa samideanaro, la esprimon de nia plena bedaŭro.

# MEA CULPA...

El considerable retraso con que aparece este número del *Boletín* es debido, esencialmente, a la total imposibilidad en que me he visto para redactar las memorias congresales. Después, causas ajenas a esta Redacción han retrasado considerablemente la aparición de este número. Orilladas todas las dificultades, los números siguientes irán apareciendo con ritmo rápido, de tal manera que, al finalizar el año, el servicio normal habrá quedado restablecido.

Estas líneas cumplen con el doble deber de explicar a nuestros abonados la causa del retraso, y, mayormente, con el de solicitar su perdón por la anomalía. Muchas veces se nos ha ocurrido pensar que, a la mente de muchos de nuestros lectores habrá asomado la idea: «¡Si hubiese vivido Hernández, esto no habría ocurrido!». Efectivamente, es muy probable que no, y somos nosotros los primeros en reconocerlo. A su incomensurable interés por todo lo que significaba el *Boletín,* Hernández sumaba la supeditación de toda cosa a lo que pudiese ser útil a la difusión de nuestra idea idiomática. A pesar de nuestros sacrificios por la Federación y el *Boletín,* no podemos desprendernos de nuestras obligaciones privadas y profesionales, que muchas veces arrastran lamentablemente durante días y semanas, pospuestas a lo que constituye nuestra ilusión más querida. Hasta que nuestro escritorio ha visto desaparecer la orografía de la demora, no ha sido posible volver a empezar con la agradable tarea de poner al día nuestro compromiso con el Esperanto y con los esperantistas españoles. Pero, no hay mal que por bien no venga. Ya desde fines del mes de Junio, y, en cantidad y acritud crecientes, hemos ido recibiendo llamadas de atención, y, en cierto modo, recriminaciones por la tardanza.

Hemos de confesar que, aparte de la natural desazón por no poder atenderlas debidamente, estas llamadas nos han producido cierta satisfacción. Efectivamente, ellas nos han dado la medida de lo que el *Boletín* es para nuestra comunidad; como el aire para el pájaro o el agua para el pez. Nunca, hasta ahora, habíamos calibrado la importancia de nuestra publicación para nuestro ámbito nacional. Los que asistieron al Congreso necesitaban solazarse con la lectura de los acontecimientos de aquellos inolvidables días; los que no pudieron hacerlo precisaban enterarse de lo que sucedió, como de algo vital para el desenvolvimiento de la vida espiritual de nuestra colectividad.

Y por ello, nos imaginamos que, tanto unos como otros, al recibir este número, habrán saciado su ansiedad, habrán colmado sus deseos, y, a pesar de nuestra pobre prosa, habrán encontrado magníficos los períodos, sobresalientes los hechos, y, especialmente, esperanzadores los augurios para un próximo porvenir. En esta exaltación de valores espirituales, esta modestísima Redacción no tiene arte ni parte. Esta moción taumatúrgica obedece tan sólo a la altura de vuestro nivel moral, y, esencialmente, a vuestro gran corazón. Este retraso ha sido como una prolongada separación, que ha puesto de manifiesto la absoluta necesidad de un contínuo contacto, que nos esforzaremos en cumplir y en haceros grato.

R. HERRERO




**KIAMANIENE DISTINGI FUNGOJN?,** de Inĝ. Mario Simondeti. 40 paĝoj. Prezo. 40 pesetoj.

Ĵus aperinta libreto por la praktika rekono de ĉirkaŭ 150 specojn de fungoj (makromicetoj), celante precipe la rekonon de la malmultegaj mortigaj specoj. Dank'al tiu rekono ni povas kolekti la fungojn tra la kamparo, precipe en la ebenaj kaj montaj arbaroj, kio estas kontentiga, interesa kaj amuza afero.

A. P. S.

---

**Amerika Esperantisto de EANA,** n° 1, 1960, speciala numero havebla kontraŭ du respondkuponoj.

En ĉi tiu numero de «Amerika Esperantisto», oni represas artikolojn el svisa neesperantista revuo «Bulletin des NIZ», de Svisa Esperanto-Societo kaj de EANA, kiu rilatas al la politika enfiltrado en la Esperanto-movado.

La enhavo, kvankam ne tute aprobinda, estas interesa kaj, multfoje, trafa.

K. R,

---

**RADIO TERMINARO,** de A. Venturc, 2.ª eldono kun permeso de UEA. Eldonita de Esperanto Press, Oakville, Ontario, KANADO. Prezo: 4 steloj.

Tre interesa faka terminaro por tiuj esperantistoj kiuj profesie aŭ amatore rilatas kun la vastega kampo de la radio.

La vortareto estas kompilaĵo de uzataj vortoj. Kiel avertas la aŭtoro en la antaŭparolo, pro la malabundaj eldonaĵoj pri radio, kaj pro la rapida progreso kaj evoluo de ĉi tiu scienca branĉo, mankas tre uzataj kaj aktualaj vortoj kiel: *radaro*, *transistor*, *mikrokanelo*, k. t. p. Tio ankaŭ okazas en la naciaj idiomoj, ĉar ĝi ne estas malavantaĝo propra de Esperanto.

A. P. S.

**JARLIBRO DE U. E. A.** (Anuario de la Asociación Universal de Esperanto), 1.ª parte, 1961.

Como todos los años, el anuario contiene una serie de datos interesantes sobre el Esperanto y su movimiento mundial. 500 páginas de apretado texto contienen: Detalles sobre las asociaciones nacionales adheridas a U. E. A. y asociaciones especializadas, como Ferroviarios, Médicos, Ciegos, etc.; lista de nuevos libros aparecidos darante el año, relación de todos los periódicos y revistas publicados en Esperanto, emisoras de radio con programas en Esperanto, lista de delegados repartidos por todo el mundo y multitud de detalles que la hacen imprescindible para cualquier esperantista activo.

La cuota anual de socio con derecho a recibir la revista Esperanto y el anuario es de 240 pesetas, siendo el delegado jefe para España don Ramón Molera, calle Santa Joaquina de Vedruna, núm. 13, MOYA (Barcelona).

Como dato final, fiel reflejo de la marcha ascendente del Esperanto, mencionemos el hecho de que el anuario tiene unas cincuenta de páginas más que el año anterior.

A. P. S

---

**ESPERANTA RESUMO DE LA STENOLOGIO KAJ STENOGRAFIO,** de Prof; Dalmau. Barcelona 1961, 16 paĝoj. Prezo: 2 respond-kuponoj.

Kiel indikas la titolo. tiu libreto estas esperanta resumo de pli grava verko de la aŭtoro.

Prof. Dalmaŭ, kun la intenco trovi internacian stenografion, studis la origine nacilingvajn stenografiojn kaj fine ekvidis sistemon kies stenografiaĵoj respondas al internacia fonetiko.

La dua parto, Stenografio, enhavas regulojn por praktika aplikado de la stenoj.

Fine, la verkisto invitas la legantojn fari sugestojn kaj kunlabori pri scienca stenografio.

A, P. S.

# LA XIIIª KONGRESO DE INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTISTA FEDERACIO

Tiu memorinda kongreso okazis en Barcelono de la 5.ª ĝis la 11.ª de pasinta Majo, kaj ni povas emfazi ke ĝi estis plensukcesa.

Ĉe la landlimo, la kongresanoj estis feste akceptataj de multenombra komisiono, kiu donacis diantbukedojn al la kongresaninoj. Speciala vagonaro kondukis ilin al Barcelono, kie okazis brila interkona vespero. La kongreso komenciĝis per meso, ĉeestata de multaj kongresanoj, dum kiu Prof.º Patro Atanasio Sinués predikis, elokvente, en tre bona Esperanto.

En la impona salonego de Fomento del Trabajo, kaj, sub la prezido de la barcelona Labordelegito, reprezentante Moŝtan Ministron okazis la malfermo, dum kiu paroladis la Sekretario de la O. K. sam-o Saladrigas, la Prezidanto de la asocio «Amikoj de la U. N. E. S. C. O.», kelkaj veteranaj kaj eminentaj lokaj samideanoj kaj la reprezentanto de la Fervojista Sindikato. La festparoladon faris nia HEF-Prezidanto Dr-o Herrero, kiu, en Esperanto, salutis kaj bonvenis la kongresanojn, incitante ilin al daŭra strebado por progresigi Esperanton, rapide kaj rekte, kiel bonaj fervojistoj. Li finis recitante belan invitpoeziaĵon, per kiu li promesis al tiuj kiuj iru al Majorko, neforgeseblan rekompencon. Li estis forte kaj daŭre aplaŭdata de eksterlandanoj, kaj, poste, sin turnante al la prezidanteco li klarigis hispanlingve la signifon kaj gravecon de la esperanta movado, kiu, mirakle, unuigas homojn per la menso kaj la koro, tra la lingvo. «Barcelono estas granda, ne nur pro la amplekso, la beleco de la urbo kaj la graveco de la komerco kaj la industrio; ĝi estas konsiderinda, ĉefe, pro sia emo al la kulturo kaj al la rilato kun aliaj landoj kaj civilizoj. Tial, Barcelono akceptis, tre frue kaj entuziasme, Esperanton, kaj la kvina internacia kongreso markis la agnoskon de ĝia matureco. Per Esperanto, Roiç de Corella, Auzias March, Verdaguer, Maragall kaj Costa Llobera, estas tutmonde konataj, dank'al la belaj tradukoj de fratoj Grau Casas, Pujulá, Solá, Ventura, Capdevila, Pellicer, Alberich-Jofré, Dalmau, kaj aliaj katalunaj esperantistoj, kiuj, en la «Kataluna Antologio» lasis la konsistigon de samtempa emo al patrujo, al patra lingvo kaj al Esperanto. Barcelono devas, do, resti en la avangardo de la lingva movado, kaj ĝiaj aŭtoritatuloj kaj kulturaj asocioj devas kuraĝigi Esperanton ĝis atingo de decida triumfo. Tiam, ne nur barcelonanoj, ne nur katalunoj kaj hispanoj, sed ĉiuj, de Islando al Sudafriko kaj de Japanujo al Brazilo, eldiros, ĝoje, tiun frazon tiel kara al vi: «Kiel granda estas Barcelono!».

Forta kaj daŭra aplaŭdado sekvis la finon de la parolado de nia Prezidanto. Poste, salutis la reprezentantoj de la diversnaciaj fervojistaj grupoj, kaj, ĉe la fino, Sr-o Ramos, per inspirita parolado malfermis, oficiale la kongreson.

La disvolviĝo de la kongreso permesis al la kongresanoj viziti la urbon, la fakajn laborejojn, kaj la Urbestro de Barcelono akceptis tre kore la multenombrajn vizitantojn.

Ĉe la fino de la kongreso, speciala vagonaro veturigis ĉiujn al Taragono, la bela marborda urbo, kie ili estis akceptataj de Moŝta Urbestro José María Sugrañes. Revenante al Barcelono la veturantoj haltis en Villafranca del Panadés, kie, aŭtoritatuloj kaj tieaj samideanoj regalis ilin per abunda kaj unuaklasa vintrinkado.

La kongreso, laŭ opinio de multaj partoprenintoj, estis brila, plezuriga kaj profitodona.

Multaj centoj de kongresintoj partoprenis la ekskurson al Majorko, kie ili vivigis kaj gravigis la XXII.ª Kongreson de H.E.F. Tie, laŭ promeso de nia Prezidanto, ili vivis neforgeseblajn tagojn, kaj vivigis al la hispana kongresanaro. vere esperantujan medion.

**KVITANCO**

● «La Voz de Asturias», ĵurnalo (19-3-61), kun artikolo pri UEA, kiel kandidato por la Nobel-Pacpremio 1961. Sendis : Sacramento Collado, el Sama de Langreo.

● Eltranĉaĵo de ĵurnalo «La Vanguardia» (16-3-61), kun intervjuo farita de fama ĵurnalisto Del Arco al D-ro Johano Hamvai. Estas kuriozaĵo ke la demandoj estas presitaj en hispana lingvo kaj la respondoj en Esperanto. Sendis : S-ro José Lerroux, el Barcelona.

● Eltranĉaĵo de ĵurnalo «La Nueva España» (21-3-61), kun artikolo pri Esperanto, uzata por divastigi la belecojn de Asturio. Sendis : Adonis Gonzalez Meana, el El Entrego.

● Eltranĉaĵo de zaragoza ĵurnalo kun sciigo pri nomigo de strato en Zaragoza per la nomo de Doktoro Zamenhof.

— Ĵurnalo «La Voz de Asturias» (19-3-61), el Oviedo. Artikoleto pri kandidateco de UEA por la Nobel-pacpremio. Sendis: S. Collado, El Sama de Langreo.

— Ĵurnalo «Jaén» (31-3-61), el Jaén, UEA kaj Nobel-pacpremio. Sendis: A. Escamilla Roa.

— Sindikata monata revuo «Tiempo Nuevo» (Marto 1961), artikolo pri Esperanto kun fotoj de glumarko pri 45.ªUK, de generalo Perogordo, dekano de la hispana esperantistaro, de D-ro Zamenhof; de koverto de revuo «Esperanto» kaj de letero de D-ro Zamenhof.

— Numeroj 119 kaj 121 de revuo «Jóvenes» kun interesaj artikoletoj pri Esperanto kun fotoj. Verkis: J. Aragay, sendis: J. Rofes.

— «Las Provincias» ĵurnalo el Valencio, kun intervjuo al D-ro Tudela, pri Esperanto. Sendis: amiko de la redaktoro, ne esperantista, kaj J. Bosch.

— «Jaén», ĵurnalo (12-4-61), kun artikolo pri la paca kaj kultura laboro de Esperanto.

— «Ofensiva», ĵurnalo el Cuenca (26-4-61), kun artikolo pri la du E-kongresoj okazintaj en nia lando. Sendis: Luis A. Ramírez, el Huete (Cuenca).

— «Ayer», ĵurnalo el Jerez de la Frontera (28-4-61), kun artikolo pri la du E-kongresoj. Sendis: Pedro Naranjo, el Jerez de la Frontera.

— Ĵurnalo «Madrid» (27-4-61), kun komentarioj pri la Nobel-pacpremio kaj pri nova sidejo de Madrida Esperanto Klubo kun foto de la domo. Sendis: MEK.

— «YA» (29-4-61), pri kandidateco de UEA por la Nobel-pacpremio.

— Semajna revuo «Dígame» (2-5-61), longa artikolo pri Esperanto kun fotoj. Sendis: MEK.

— «Sabadell» (29-4-61), artikolo pri prelego de Prof J. Mabesoone, el Nederlando, pri batalo de nederalandanoj kontraŭ la maro.

— Revuo por Sacerdotoj «Incunable» (Majo 1961), kun letero al la Direktoro pri Internacia apostolado pere de Esperanto. Sendis: La Direktoro de la revuo.

— Artikolo «trajno de esperantistoj» aperinta en ĵurnalo «Diario de Barcelona» (9-5-61). Sendis: José Pérez Sempere.

— «Sabadell» (13-5-61) artikolo pri la du E-Kongresoj.

— Revuo «Signo» (20-5-61), komentario prl la esperanta publikigo de la Evangelio sur revuo «Espero Katolika». Sendis: S. Collado.

— Tri malsamaj ekzempleroj de Boletin de «Carbones La Nueva» kun artikoletoj pri Esperanto, verkitaj de la sendinto, s-no S. Collado.

— Ĵurnalo «La Mañana» el Lérida (14-6-61) kun anonco pri starigo de esperanto-rondo ĉe loka sporta klubo Huracanes. Sendis: S-ro Olivé.

— «Sabadell» (17-6-61), artikolo pri kandidateco de UEA por la Nobelpacpremio.

Algunos de nuestros amigos, al enviarnos un ejemplar de las revistas o periódicos arriba citados, nos piden que comentemos el artículo publicado en sus páginas, agradeciéndolo en nombre de la Federación. Como son muchos los artículos aparecidos y poco el espacio de que disponemos, hacemos constar nuestro agradecimiento general a todos cuantos colaboran a la difusión del Esperanto en nuestro país por medio de la prensa y radio, y especialmente a la revista «Incunable» por el interés hacia el Esperanto que ha despertado entre sus lectores, como demuestran muchas cartas recibidas; también hemos de mencionar, por el número de cartas suscitadas, la revista «Jóvenes», y, finalmente, los artículos aparecidos en el diario «Ofensiva», de Cuenca, por ser tal vez los primeros que aparecen en dicha provincia.

---

Kaŭze de iniciato de samideanoj el Moyá, sub gvidado de R. Molera, aperis en multenombraj ĵurnaloj kaj radioprogramoj, sciigoj pri la du Esperanto-kongresoj okazintaj en Hispanujo (nacia kaj internacia de fervojistoj); kelkajn. ni mencias ĉi supre, aliajn, laŭ longa listo sendita de S-ro Molera, ni ne povas mencii, pro spacomanko. Tie ĉi, same kiel en aliaj medioj, estas efika, ofte multe pli efika ol ni supozas, la laboro, serioza kaj altkvalita, entreprenita de entuziasmaj izoluloj. Kiel skribas S-no Molera, estas bedaŭro ke ne ekzistas kunordiga agado por tiuj entreprenoj, kies sukceso ni konstatas, sed ĝi ne estas tiel granda kiel eblas.

---

# Grava alvoko al la hispanaj samideanoj!

Pro sia prospera ekonomia situacio Svislando bezonas jam, delonge, fabriklaborantojn virajn kaj virinajn el eksterlando. Multaj miloj da laborantoj venis el Italujo, Aŭstrujo, Grekujo kaj Hispanujo. Dum la pasinta jaro *7.500 Hispanoj* laboris en Svislando. Ili ne konas la lingvojn de Svislando, kaj nur malmultaj svisoj konas la hispanan lingvon.

Pro tio, la hispanoj tre ofte estas en granda embaraso. Precipe al la junuloj kaj junulinoj ĉie altrudiĝas danĝeroj religiaj kaj moralaj.

Nur malmultaj svisaj sacerdotoj parolas la hispanan lingvon. Jen okazintaĵo, kiu certe ne estas unusola: Antaŭ nelonge, junulino kuŝis en malsanulejo, kie neniu povis interkompreniĝi kun ŝi. Kiam mi vizitis ŝin kiel sacerdoto, ŝi ekploregis senhelpe. Bedaŭrinde ankaŭ mi ne povis helpi ŝin, ĉar ŝi ne scipovis paroli Esperanton.

***Ĉu tiu bedaŭrinda situacio estas necesa kaj neevitebla?***

Esperanto povas kaj devas helpi, kaj la Svisa Sekcio de IKUE volas helpi. Jam en multaj svisaj urboj kaj vilaĝoj, katolikaj samideanoj ekzistas. Ni publikigis alvokon en la svisa gazetaro, por ke ankaŭ aliaj svisoj lernu Esperanton kaj aliĝu al la porhispana apostolado de la Svisa Katolika Esperanto-Unuiĝo.

Sed por tiu agado la samideanoj en Hispanujo nepre devas kunhelpi. Ili devas atentigi siajn sampatrujanojn tiel jam migrintajn kiel enmigrontajn en Svislandon pri la malfacila lingva situacio kaj pri la granda helpo de Esperanto. Necesas ke ĉiu hispano, kiu volas labori en Svislando, eklernu almenaŭ iomete Esperanton. Se la Asociación Católica Esperantista Española sciigos al ni la adresojn de hispanoj en Svislando, kiuj parolas Esperanton, ni peros al ili la adreson de svisa samideano, povanta helpi ilin kiel interpretisto kaj kristana frato.

Karaj samideanoj hispanaj helpu do, por ke ni povu helpi. Ni estas infanoj de la sama patrino, de la tutmonda Katolika Eklezio, vivantaj laŭ ordono de Sankto Paŭlo (Gal. 6,2): «Reciproke subtenadu viajn ŝarĝojn, kaj tiamaniere plenumu la leĝon de Kristo».

**Sac. FLAMMAR**
**Prezidanto de la Svisa Katolika Unuiĝo Esperantista**






*Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta korektan solvon de enigmo, gajnos poenton. Gajnintoj de 5 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 20-a de Oktobro.*

### *SOLVO DE LA ENIGMO NUM. 6*

HORIZONTALE

1, Fino. Osta. 2, Ĉefepiskopo. 3, Am. Kokri. Al. 4, Pik. Tiu. Tre. 5, onaK. Fato. 6, Imaginara. 7, oseJ. Cima. 8, Eta. Sat. Fer. 9, Di. otlaP. Ni. 10. Inspektisto. 11, osiP. Unio.

VERTIKALE

1, Ĉapo. oedI. 2, Feministino. 3, iF. Kamea. Ss. 4, Nek. Kaj. Opi. 5, opoT. Step. 6, ikifisalK. 7, osrU. Tatu. 8, Ski. Fac. Pin. 9, tO. Tarif. Si. 10, Apartamento. 11, Oleo. Ario.

---

Sendis korektajn solvojn: R. Albero, V. Martí, B. Gracia, A. Kirch, R. Bastardas, A. Ugalde, L. Puig, A. Escamilla, A. Tomasa, F. Aliaga, A. González kaj F. Amorós.

### *ENIGMO NUM. 7*

*Krucvorta enigmo de J. Devis*
*Malsupra figuro*



HORIZONTALE

1, Provizas domon je seĝoj, litoj, ŝrankoj, k. t. p. Havas opinion konforma al vero k justo. 2, Granda ujo, en kun oni donas manĝaĵojn al la bestoj. 3, Hazardludo konsistanta el globeto sur libere turniĝanta platajo. Konkuranto, kontraŭulo. 5, Estos taksata je ia prezo. 6, Konforma kun la leĝo k juro. Tranĉi ŝtofon por doni formon al ĝi. 7, Grandega, supermezura. 8, Tute deviga, absolute necesa. Spasme k brue elspiri aeron per nazo k buŝo pro subita ekscito de la nazaj nervoj. 9, Dentoforme tranĉi aŭ aranĝi la randon de io. 10, Fajrujo por kuiri manĝaĵojn. Sencele iros de loko al loko. 11, Alta urbestrara funkciulo en kelkaj landoj. 13, Atinginta sian plenan kreskadon, forton aŭ kapablon. Kialo, tio kio igas iun agi iamaniere. 14, Ordinare kvadrata borderaĵo por ĉirkaŭigi pentraĵon, spegulon, k. t. p. 15, Naski antaŭtempe nevivpovan idon. Intence fuŝi.

VERTIKALE

1, Intencitaj krimaj mortigoj. Alilanda eksterlanda. 2, Organo de mamulinoj, en kiu la feto evoluas dum la gravedtempo. 3, Forpuŝis la malpuraĵon per speciala ilo. Tubforma nazo de elefanto. 5, Daŭre k senutile iros de loko al loko. 6, Rilata al pordiserva ornamo pendanta de ĉirkaŭ la kolo ĝis la genuoj. Aŭdigi sekan sonon per rapida frapo de io kontraŭ io. 7, Rilata al tiu kiu legas. 8, Loko, kie akvo eliras el la tero. Kulturi k eduki bestojn por la uzado de la homo. 9, Laŭ ronda formo iri ĉirkaŭen. 10, Hejma dikhaŭta mamulo, kiun oni grasigas por homa nutrado. Signos iun per aparta distingiga vorto. 11, Tripieda ilo, uzata por subteni aparaton. 13, Speco de tukoj, uzataj por kaŝi, precipe la vizaĝon de virinoj. La plej granda simio el Afriko. 14, Patrujo, regiono. regno. 15, iom post iom malpliintensigi la ombrumadon aŭ la helecon de desegno. Sekrete observi ies farojn.

---

En nia pasinta krucvortenigmo estiĝis eraro. Tiel ke ĝi ne estis tute grava, la konkursintoj sciis korekti per si mem tiun eraroton. Pardonu nin kaj, antaŭen!

## HISPANA KRONIKO

Debido al retraso con que aparece este número de *Boletín*, y, por otro lado, al mucho espacio ocupado por la memoria anual y la reseña del congreso de Palma, hemos dejado de publicar las crónicas de actos celebrados en Moya, Manresa y Madrid que teníamos pendientes.

Lamentamos sinceramente esta decisión, al mismo tiempo que nos preguntamos si realmente interesa o no a los grupos el que se siga manteniendo esta sección de nuestra revista, pues se da el caso, que desde hace varios meses no se ha recibido ninguna crónica.

*Redakcio.*

---

ANONCETOJ

Tiuj kiuj interesiĝas pri E-movado en Ĉeĥoslovakio, aŭ deziras interŝanĝi P-kjn, skribu al Karel Rozinek, Eliŝĉino nebr 319. Hradec Kralove (Ĉeĥoslovakio).

---

Mi deziras flageton de la Sanktega Virgulino el ĉiuj landoj. Mi kompensos per aliaj aŭ laŭ deziro. Carlos Mestre, st. Serranos, 20, Valencia (Hispanujo).

---

## NUESTROS SOCIOS PROTECTORES

**(En esta lista no incluiremos a los que reciban dos ejemplares del Boletín.)**

José Vigatá.—Cánoves.
Sandalio Mayoral.—Barcelona.
Justo Estañ.—Granada,
Joaquín Hutesá.—Sabadell.
Mariano Solá.—Tarrasa.
José Ballbé.—Tarrasa.
Francisco Abascal.—Sevilla.
Juan Bosch.—Valencia.
Vicente Santamaría.—Valencia.
Rafael Herrero.—Valencia.

**Hasta 21 de Junio de 1961**

## PARA NUESTRO BOLETIN

(Donativos recibidos desde el 11 de Marzo al 25 de Junio de 1961)

| | | |
|---|---|---|
| Suma anterior | 3.518 | Ptas. |
| L. Blasco - Zaragoza | 40 | » |
| J. L. Díaz - Sama de Langreo | 13 | » |
| A. Costa - San Mateo | 15 | » |
| T. Ortiz - Alar del Rey | 30 | » |
| J. Hagedus - Newcastle | 15 | » |
| E. Roca - Tarrasa | 15 | » |
| J. Frugoni - Telde | 40 | » |
| J. Estañ - Granada | 80 | » |
| J. Guzmán - Valencia | 20 | » |
| M. Garriga - Tarrasa | 25 | » |
| S. Arizmendi - Eibar | 5 | » |
| E. Tudela - Valencia | 25 | » |
| M. Fernández - Montevideo | 55 | » |
| J. Hutesá - Sabadell | 50 | » |
| M. Alamo - Valverde | 15 | » |
| T. Ortiz - Alar del Rey | 5 | » |
| F. Mezquida - Denia | 30 | » |
| M.ª Casasnovas - Zaragoza | 15 | » |
| F. Parra - Valencia | 10 | » |
| A. Pérez » | 5 | » |
| L. Blasco - Zaragoza | 11 | » |
| S. Aragay - Barcelona | 70 | » |
| M. Pladenas - Málaga | 25 | » |
| Kataluna Esperantisto | 200 | » |
| F. Abella - Barcelona | 25 | » |
| A. Jorgensen - Kopenhago | 100 | » |
| C. Soler - Valencia | 25 | » |
| V. Martí » | 10 | » |
| M.ª Blasí - Sabadell | 10 | » |
| P. Naranjo - Jerez | 10 | » |
| A. Marco - Zaragoza | 15 | » |
| M. Buxcató - Barcelona | 25 | » |
| E. Costa - Sardanyola | 15 | » |
| J. Carles » | 15 | » |
| E. Pérez - Valencia | 50 | » |
| E. Miralles » | 25 | » |
| Suma | 4.657 | » |

---

GRANDA STOKO de poŝtkartoj kaj de folioj de glumarkoj de nia pasinta kongreso en Palma restas disponebla.

Mendu tuj al favora prezo 1'50 ptoj. ĉiu p-k aŭ folio, multkolora, al la adreso de nia Federacio.

LA FOTO colectiva del Congreso de Palma que publicamos en este número se debe a la gentileza de nuestro samideano y amigo D. Francisco Alsina Plana, de Barcelona, a quien damos nuestras expresivas gracias. Los que deseen esta foto en tamaño postal, pueden pedirla a nuestra Federación, siendo su precio el de 3 ptas.

